# INTERNACIA FERVOJISTO




ORGANO DE I.F.E.F.

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

23a jaro Majo/Junio 1971 N-ro 3



# La 23-a kongreso de IFEF — Impresoj



En la semajno 15.—21. 5. la «IFEF-trajno» haltis en Maribor — la 23-a stcio dum ĝia veturado.

Nun, kiam la «trajno» denove veturas, dum la «vojaĝantoj» sidas en siaj kupeòj, kaj ni «trajnistoj» deĵoras, oni povas fiksi siajn impresojn pri lando kaj popolo, kaj pri la urbo kie la «trajno» haltis, — t. e. kie ĉijare okazis la kongreso.

La lando mem, ek de la unua momento kiam la landlimo transpasiĝis, kaptis la intereson.

Jugoslavio konsistas el 6 respublikoj, 5 naciecoj, 4 religiaj konfesioj, 3 lingvoj, 2 alfabetoj — cetere *unu* komuna kaj forta deziro en la popolo: Sendependeco rilate al la ekstera mondo.

Sendube la popolo estas tre feliĉa, oni rimarkas tion vidante ilian aspekton.

Amikaj ili estas, ĉiam helpemaj kaj servopretaj, tion mi persone multfoje spertis.

La unuan tagon je la alveno al Maribor, mi staris ekster la stacidomo, mirante kie estas mia hotelo.

Mi demandis hazardan personon en la strato - tiu ne nur montris la direkton, sed tre afable li prenis mian pakaĵon kaj

(Daŭrigo p. 40.)

## GRAVAJ ENHAVAĴOJ



**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**
**Sekretariejo: E. Kruse, D-6 Frankfurt (M) 70, Schweizer Str. 104, Germanio**
**Redaktoro: Per Johan Krogstie, N-2340 Løten, Norvegio**
**Bankkonto: Thurgauische Kantonalbank, CH-8590 Romanshorn, Svisio**

# Nova membro de nia Honora Patrona Komitato:

*Inĝ. Károly Rødønyi, unua anstataŭanto de la hungara ministro por poŝto kaj trafiko kaj oficanta ĝeneralprezidanto de la Unuiĝo Internacia de Fervojoj (UIC).*

Per solena ceremonio dum la inaŭguro de la 23a IFEF-kongreso, antaŭ la tuta kongresanaro kaj multaj honoraj gastoj, inĝ. Károly Rødønyi membriĝis en la Honora Patrona Komitato. Ĉar inĝ. Rødønyi persone ne povis veni al Maribor, IFEF-prezidanto Joachim Giessner transdonis la membro-dokumenton al d-ro Istvan Bácskai, prezidanto de la hungara landa asocio, por ke li enmanigu ĝin al inĝ. Rødønyi. IFEF tutkore dankas al inĝ. Rødønyi pro lia daŭra helpemo kaj subteno kaj pro lia fido en nian laboron. Li povas esti certa, ke ni daŭrigos tion porpacan vojon.

Rimarkigo: Ĝisnunaj membroj de HPK estas: La prezidanto de FISAIC, d-ro Schlesser, la prezidanto de la franca landa FISAIC-sekcio, inĝ. Pahin, la direktoro de la regiona fervojista kultur-organizaĵo de Bologna (Italio), inĝ. Ceci.

*

# *Tri arĝentaj FISAIC-medaloj en Maribor*

En la paŭzo de la Arta Vespero, la 17an de majo 1971, la oficiala reprezentanto de FISAIC, s-ro Georges Gilles (Belgio), honorigis 3 meritplenajn membrojn de IFEF per arĝentaj medaloj de la FISAIC. Temas pri tri kolegoj, kiuj dum multaj jaroj forte aktiviĝis en la terminara laboro.

*Gernot Ritterspach* (Germanio), kiu esperantistiĝis en 1949, jam de 15 jaroj gvidas la Terminaran Komisionon kaj tiamaniere zorgadas kun siaj helpantoj, ke la komplika «fervojista lingvo» trovu sian vojon sur la kampo de la Internacia Lingvo, kaj ke la giganta laboro de traduko el la UIC-vortaro de pli ol 11 000 terminoj iel kaj iam estos gvidata al bona fino. Li i. a. ankaŭ prilaboris la terminareton Esperanto-Germana kaj inverse, kiu fariĝis bazo por pluraj aliaj.

*André Blondeaux* (Francio) esperantistiĝis en 1949, tradukis la konatan «Lexique Technique Ferroviaire de la SNCF» kaj de 1955 daŭre kunlaboras en la Terminara Komisiono, en kiu li pro sia akurata labormaniero konsiderinde kontribuas al bonaj rezultoj. De la franca ministerio por edukado li ricevis la ordenon «Kavaliro de Akademiaj Palmoj».

*Josip Zupanic* (Jugoslavio) fariĝis Esperantisto en 1927, aktiviĝis en la tiama estraro de la Internacia Asocio de Esperantistaj Fervojistoj, okupiĝas de pli ol 15 jaroj pri tradukado de terminoj kaj tradukis la «Internacia Konvencio pri la Fervoja Frajt-transporto» (CIM), dum momente li sin okupas pri traduko de la Internacia Regularo pri la reciproka uzado de varvagonoj (RIV). Li ricevis de la jugoslavia ŝtato la meritordenon por la popolo kun arĝenta stelo kaj de Jugoslavia Esperanto-Ligo meritmedalon.

Plej sinceran gratulon al niaj tri honorigitaj kolegoj!

*JG*

*

# Resumo pri la jaraj raportoj de la landoj de IFEF 1970

En lastaj du resumoj eblis heroldi la ricevon de raportoj de ĉiaj landaj asocioj (l.a.) dume por 1970 tiuj de Britio kaj Polio venis tro malfrue.

La membraro ree kreskis, de 3001 al 3050 anoj, dank' al Ĉeĥoslovakio, Danio, Jugoslavio kaj Svedio. Etaj perdoj en 3 l.a. Sen malhelpoj por deviztranspagoj ni povus anonci 770 pliajn anojn en IFEF.

*21. Landaj estraroj kaj funkciuloj.*

La unuan fojon ni demandis pri la laborterreno de niaj anoj, por esplori, ĉu IFEF estas oficeja, traksia aŭ funkcia organizaĵo. La informoj estas tro mankohavaj por ĝenerala statistiko. Komparo nur eblas laŭprocente por la landaj asocioj mem. La administra dungitaro varias de 7-16 % kaj estas plej granda en Finnlando. La trakcia anaro varias de 8-60 % kaj estas plej granda en Hispanio. La funkcian deĵoron prizorgas inter 12 kaj 52 %, plej multaj en Belgio. Etaj nombroj por konstrua servo, nur en 3 landoj inter 3 kaj 8 %. Ripareja deĵoro varias de 6-20 %, plej multaj en Norvegio. Elektra- kaj signal-deĵoro menciiĝas inter 1 kaj 16 %, ĉe la supra Belgio. Pensiitaj kolegoj troviĝas inter 3 kaj 52 %.

Kiom da familianoj aniĝas al niaj l.a. kompare kun la tuta landa membraro varias de 3-21 %. Ĉe la pinto Jugoslavio kun 21 %, sekvas Francio kun 8 %.

La demando, kiom da familianoj estas esperantistoj ne estas sufiĉe serioze traktita de la l.a. La ciferoj en rilato al la landa membraro varias de 9-20 %. Ĉe la pinto Danio kun 20 %, Jugoslavio kaj Rumanio kun po 18 %.

*23. Evoluo de rilatoj kun istancoj kaj aŭtoritatoj.*

La rilatojn kun la fervoja direkcio 8 landoj taksas kiel bonaj, 2 kiel tre bonaj. Ne rilatojn flegas Belgio, Rumanio kaj Svedio. Kelkaj l.a. kontaktas sole pere de kultura ĝenerala organizaĵo kun direkcio. Subvenciojn mencias 4 landoj.

Kun la sindikatoj la rilatoj estas taksataj kiel bonaj en 10 landoj, kiel tre bonaj en du, kiel favoraj en 4 landoj. Subvenciojn ricevas 4 asocioj, kompensojn en alia formo 4 l.a. Ne flegas kontaktojn kun sindikatoj Belgio, Francio kaj Rumanio. En Germanio la 3 ferv. sindikatoj estas korporaciaj membroj de la l.a.

Kun aliaj kulturaj ferv. org., nacie ligitaj en FISAIC-tegment-organizaĵo, rilatas 6 landoj bone, 4 tre bone, 2 sporade kaj 3 ricevas subvenciojn.

Kontaktojn kun kulturaj, sportaj kaj hobiaj ferv. org. flegas 10 landoj bone, 1 tre bone, 1 sporade. Finnlando ĝuas komunan gazeton kun ĉiuj hobio-societoj. Hispanio vigle kunlaboras kun turisma asocio kaj Italio kreis favorajn kontaktojn kun Eŭropa asocio de fervojistoj kaj Eŭropa amikaro de staciestroj.

Kunlaboron kun ne-fervojistaj org. mencias sole Bulgario. Hispanio kunlaboras kun «amikoj de UNESCO» Italio saĝe antaŭlaboris kun turismaj entreprenoj kaj okaze de la 22-a kongreso kompensiĝis per eldonado de 2 turismaj prospektoj.

Ĝenerale niaj landaj estraroj vidas la utilecon plivastigi kontaktojn kun instancoj kaj similcelaj ferv. org. Kvin mencias personajn kontaktojn, 4 okaze klopodas. Du landoj per publikigo de efikaj artikoloj kaj raportoj provas akiri priatenton. Germanio konsilas, ke eksterlandaj esperantistoj iniciatu ĉe la direkcio de DB. Kun plezuro ni legas, ke Hungario klopodas anigi la kulturajn ferv. org. al FISAIC.

*24. Kunlaboro kun aliaj esperantaj organizaĵoj.*

Pli kaj pli niaj l.a. evitas izolecon kaj kunagas, ĉu tutjare, ĉu sporade kun naciaj esp. org. Kvar el la orientlandaj l.a. estas filioj de la koncerna landa societo. Kunlaboro de pliaj 8 asocioj en okcidento. 3 taksas la rilatojn kiel tre bonaj kaj sole Belgio mencias izolecon. La aŭstra l.a. kunhelpis ĉe organizado de la 55-a UK. La nederlanda l.a. aliĝis al la federacio de nederlandaj esp. organizaĵoj.

La nombro de ind. membroj de UEA flanke de IFEF estas proks. 250.

Kun Sennacieca Asocio Tutmonda (SAT) unu el niaj asocioj mencias bonajn rilatojn, 2 asocioj aliĝis kiel membroj. En 6 asocioj estas nur unuopaj SAT-anoj. 3 landoj ne ekzistas ia kontakto.

Regulajn kontaktojn translimajn mencias sep l.a.. Sole kun najbaraj IFEF-asocioj kontaktas unu asocio. Kun najbarlandaj regionaj org. flegas bonajn kontaktojn du l.a. kaj neniajn kontaktojn mencias 5 l.a.

*25. Informado.*

Unusolan malfavoran artikolon en la gazetaro mencias Ĉeĥoslovakio.

Artikoloj kaj informoj en la gazetaro, pro interveno de niaj l.a. kaj unuopaj membroj aperis pruvite 170. Plej multajn sukcesis aperigi Germanio kun 42, sekvas Danio kun 25 kaj Svisio kun 20.

La kongresa gazetara bulteno estis uzata por 56 artikoloj. Plej multaj 25 en kongreslando Italio.

Nenia vorto de kritiko pri tiu elstare bone verkitaj bultenoj de Rimini. La taksado estas: bona, utila, konvena, necesa kaj perfekta. Hispanio deziras pli ampleksan raporton.

La fakprelego de Rimini aperis komplete en 2 gazetoj, resume en 23 kaj mencie en pliaj 34 gazetoj. Temis ĉefe pri nia esp. gazetaro kaj tiu de sindikatoj.

De la fakprelego en UK Vieno pri aŭtomata kuplilo aperis 7 resumoj.

En seminario de Germana E. Junularo prelegis kol. F. Lautenbach pri: Klerigado kaj instruado por lernantoj kaj aspirantoj ĉe DB kaj SNCF.

La fervojan administracion informas per kongresraportoj aŭ alsendo de sia oficiala organo 13 l.a.. Tri l.a. ne vidas utilon en tio.

La ferv. sindikatojn regule informas 7 landoj, pliaj 7 landoj ne vidas en tio utilon. La reagoj je informado al administracioj aŭ sindikatoj estas parte bonaj, parte mankas konfirmoj.

En deĵorejoj propagandas la int. lingvon 10 l.a. Interesa cirkulero de la ĝenerala direkcio de Itala Ŝtata fervojo al ĉiuj deparementaj estroj, kaj al prezidantoj de hobio-societoj temas pri varma subteno por la klopodoj de la esperantistoj. Jen ĝojiga sekvo de la kongreso en Rimini.

En radio okazis, dank' al niaj klopodoj 4 elsendoj, resp. informoj. Post la jarkunveno de Francio prezentiĝis 3 minuta televida raporto.

Pri la disdonado de informa materialo la ciferoj nur estas supraĵaj. Disdoniĝis:

11 100 afiŝoj krome pluraj miloj en Italio,
11 100 flugfolioj,
14 870 varb-broŝuroj,
380 aliaj informiloj,
7 170 turismaj broŝuroj.

44 620 la nombro entute.

*26. Junulara agado.*

Dumjarajn progresojn anoncas sole Germanio kaj Italio, pro valora kunlaboro kun la landa esp. junularo. Ĉeĥoslovakio okazigis sukcesan skisemajnon en Tatra-montaro.

*27. Varbado.*

La granda plimulto klopodas varbadi per personaj kontaktoj, per kursoj kaj

pere de la nacia bulteno. Aŭstrio, Francio kaj Svisio disponas pri korespondaj kursoj. Ĉehoslovakio prezentis varblumbildojn en kinejoj. La hispana asocio disvendis amase ĉampanon en boteloj kun esp. etikedo, krome 10 000 loterilotojn kun esp. propagando surpresita kaj tiel atingis ne sole diskonigon de sia agado, sed ankaŭ monajn rimedojn.

*28. Terminara Laboro.*

Fervoja terminareto ja aperis en 4 landoj, nome Germanio, 1966, Norvegio 1968, Hungario 1969 kaj Jugoslavio 1971. En kvar pliaj landoj la preparoj por tia eldonaĵo progresis tiugrade, ke eldono estas atendebla post unu aŭ du jaroj en Danio, Italio, Nederlando kaj Svedio. Eldonado de terminaretoj en aliaj landoj ne jam estas certa.

La laboroj por la UIC-leksikono progresas nur malrapide.

*29. Diversaĵoj.*

La aŭstra asocio aranĝis fakan kunsidon dum la 55-a UK en Vieno. Hispanio petas pri helpon de ekstere por atingo, ke ankaŭ kolegoj scipovantaj la int. lingvon ricevu kromsalajron. Hungario sukcese aranĝis perfektigan kurson por grupgvidantoj, regule aperigas 1000 ekz. de «Hungara Fervojista Mondo». Hungaraj kolegoj transpernis presigon kaj distribuadon de la IFEF-afiŝo. Jugoslavio ĉe div. aŭtoritatoj sukcese klopodis por la ĉi-jara en Maribor. Nederlando registris bonan sukceson de feria semajno en Zwolle. Malfeliĉe niaj rumanaj kolegoj havas erarajn komprenojn pri la helpeblecoj de IFEF. En Svisio sukcesa feria semajno en Gwatt.

Romanshorn, 17-a de aprilo 1971.
la resumanto: O. *Walder.*

*

## *Ekstrakto el la protokoloj pri la publikaj kunsidoj estraro/komitato dum la 23-a IFEF-kongreso Maribor*

*A. Publika komitatkunsido lundon*

1. Ĉeestas 24 komitatanoj, nome: Aŭstrio, Belgio, Bulgario, Ĉehoslovakio, Danio, Finnlando, Francio (2), Germanio (5), Hispanio, Hungario (2), Italio, Jugoslavio, Nederlando, Norvegio, Svedio, Svisio kaj 2 kromkomitataninoj.
   Estas sendita telegramo al la unua anstataŭanto de la hungara ministro por poŝto kaj trafiko kaj ĝeneralprezidanto de UIC, inĝ. Károly Rødønyi pro lia membriĝo en la Honoran Patronan Komitaton de IFEF.
2. Walder laŭtlegas la *resumon* de la landaj jarraportoj pri 1970, kiuj aperos en IF.
   Oni esploru, ĉu familianoj povus fariĝi asociaj membroj, kaze ke ne jam eblas.
   La ĉiujaraj raportoj de la landaj asocioj al FISAIC nepre estu kompletaj kaj respegulu la vivon de nia agado.
3. La ĉefkomitatano Greutert donas detalan *raporton* pri sia tutjara laboro kaj pri tiu de la komitato. La kunlaboro ne ĉiam estis kontentiga. Je 100 forsenditaj enketoj al UEA-delegitoj venis 46 respondoj. Kroma rezulto 21 novaj fakdelegitoj kaj 2 novaj delegitoj UEA.

(Daŭrigo p. 44)





# Junulara angulo

## Pri la junulara semajno en Finnlando



Laŭ la invito de la prezidanto de Fervojista Abstineca Asocio en Finnlando, S-ro Matti Voltti nia fervojista grupo, 11 personoj, el Hungario havis eblecon pasigi ferion somere de 1970 en Kiljava, Finnlando. Vere ni travivis belegajn tagojn, ni ĝuis la gastamon de niaj suomiaj fratoj, kun kiuj ni havas parencajn rilatojn.

Niaj finnaj geamikoj ankaŭ ĉijare deziras aranĝi por fervojistoj sub 35-jaraj kaj iliaj familianoj internacian junularan semajnon en Pyhätunturi, Finna Laponio, 21.—27. 8. 1971.

Kiam ni rememoras je la pasintaj belaj tagoj, ni deziras al niaj finnaj fervojistaj geamikoj pluajn sukcesojn en la junulara movado.

*D-ro Imre Ferenczy.*

## Hungarlanda Fervojista Esperanto-Renkonto en urbo Györ 10.—11.7.1971

La Fervojista Esperanto-Fakgrupo de urbo Györ, Hungario, aranĝos ĉijare, la 10- kaj 11-an de julio la Landan Fervojistan Esperanto-Renkonton. La urbo festas ĉijare sian 700-jaran ekziston, do la aranĝo okazos en la kadro de la jubilea programo. La Estraro de la Fakgrupo kore invitas la membrojn de IFEF, precipe niajn najbarlandajn gekolegojn por partopreni la renkonton. Györ situas nordokcidente de Budapeŝto, je 140 km. distanco. La sama distanco estas de la aŭstria ĉefurbo Vieno. Kalkaj internaciaj trajnoj, ekz. Viena Valso, haltas en urbo Györ.

La programo enhavas diversajn erojn: lingvajn ekzamenojn, viziton al la urbaj monumentoj kaj artaĵoj, kulturan prezentadon, ktp.

Tuttaga ekskurso okazos al la historia urbo Sopron. Tiu ĉi urbo havas famon ne nur pro siaj artaĵoj, sed ankaŭ pro la bongustaj vinoj. Prezoj estas tre moderaj. Hotelĉambro kostas 40 Ft-ojn en dulita ĉambro, Partoprenkotizo, ĝi ne enhavas la manĝaĵkostojn, 10-Ft-oj. Detalajn informojn, aliĝilojn bv. peti de la la Fervojista, Vasutas, Esperanto-Fakgrupo, *Györ*, Vasutállomás, Hungario.

*D-ro Imre Ferenczy,*
prezidanto de la Fakgrupo.



# ADMINISTRAJ INFORMOJ

*IFEF-afiŝo.*

Malgranda provizo de tiu alloga varboilo estas ankoraŭ je via dispono. Uzu ĝin por anonci kursojn, kunvenojn kaj aktivecojn. Norma grandformato kun sufiĉe da spaco por enskribaĵoj.

Min. mendo 10 ekzempleroj = sv.fr. 1.80 = 4 int. resp. kuponoj mendojn akceptas IFEF-kasisto O. Walder, Esperantoweg, CH-8590 Romanshorn, Svisio.

*

*Ankaŭ Ravenna havas Zamenhof-straton*

La urba Administracio de Ravenna, puŝata de la tieaj samideanoj, titoligis al D-ro L. L. Zamenhof, belan kaj larĝan straton en nova loĝantplena kvartalo. La belaj marmortabuloj havas la jenan skribaĵon «Largo» (larĝa aleo) Ludovico Lazzaro ZAMENHOF — Ideatore dell'-Esperanto — 1859—1917.

Tiun meritplenan rezulton oni atingis ankaŭ pro la vizito al Ravenna de la partoprenantoj al 22-a IFEF-Kongreso: vizito kiu vekis grandan intereson ĉe aŭtoritatoj kaj enloĝantoj.

*

Kara amiko kaj kunlaboranto en la Fervojista Esperanto-Movado forlasis nin: 12. 2. 1971 mortis en Verona kolego Cesare Ceroni Bassani dum longa tempo Sekretario de Itala Fervojista Esperanto-Asocio IFEA kaj neforgesebla organizinto de la 6-a IFEF-Kongreso en Verona.

Li estis inter ni lastfoje okaze de la 22-a IFEF-Kongreso en Rimini kie li salutis siajn multnombrajn eksterlandajn amikojn kaj kolegojn.

Al la familio ni sincere kondolencas.

*

Post longdaŭra malsano mortis en Vieno la 7-an de majo 1971 nia fidela membro samideanino Helene *Marek*, en aĝo de 74 jaroj.

Ŝi estis longjara estrarino kaj honora membro de la Aŭstria Federacio Esperantista Fervojista. Mem fervojistino ŝi multe laboris post la dua mondmilito por ekstari novan fervojistan esperantistan movadon. Helene Marek varbis multajn kolegojn por Esperanto.

Ili ripozu en paco!

*IFEF-estraro.*

---

*De paĝo 34.*

## La 23-a kongreso . . .

portis ĝin rekte al la hotelo, — ŝajne tre tipa por la gastameco en tiu lando kaj urbo! Okulfrapa estas la materia riĉeco. En la stratoj veturas novaj kaj bone flegataj privataŭtoj en grandaj aroj, en la var-magazenoj abundas luksaj kaj bonkvalitaj varoj, ĉiuj homoj estas moderne kaj bele vestitaj, daŭre la hotel- kaj restoraci-standardo estas la plej alta, kun tre amikaj kaj lertaj deĵorantoj kaj kelneroj.

Ekster la hoteloj kaj kongresejo flirtis la verda standardo je nia honoro — ĉio en bonega ordo por akcepti kongreson de fervojistoj. En la moderna bela kongresejo, en ĝia antaŭhalo, estis giĉeto por poŝto, informejo, kaj abunda librostando,

cetere en aparta ĉambro ampleksa ekspoziciejo pri historio kaj agado de IFEF.

En tiu antaŭhalo estis agrablaj sidlokoj, kie oni povis sidi por skribi salutkartojn, kaj tralegi la kongreslibron kaj aliajn dokumentojn, — tre bonaj kaj belaspektaj presaĵoj, facile kompreneblaj sen tro da nesignifaj detaloj.

Dum la informa kunveno de LKK kaj IFEF-estraro, alvenis reprezentanto por la jugoslavia radio, kiu surbendigis intervjuon kun la IFEF-estraranojn, ni esperu ke niaj vortoj efikis inter la geaŭskultantaro emon lerni Esperanton!

La urbaj gazetoj ĉiutage dum la kongreso reportis novaĵojn en la Internacia Lingvo por la kongresanaro, kaj la sindikata gazeto Zeleznicke novine, por 19. 5. 71, havas bonegan artikolon sur la frontpaĝo kun la surskribo BONVENON.

La interkona vespero estis amuza, — la sama ĉiujara revidĝojo, — kelkaj geamikoj ne alvenis, dum novaj vizaĝoj aperis.

Ni forte esperu, ke estonte ni neniun perdu, sed ke alvenu multaj novaj, precipe junaj adeptoj al nia movado!

Dimanĉe matene alvokis nin la sonoriloj de St. Alois-preĝejo al katolika diservo.

Nia ĉarma, vigla, gaja, amoplena amiko de Rimini, pastro Albino Ciccanti alvenis por aranĝi ĝin, kaj multaj gekongresanoj el multaj landoj kaj diversaj konfesioj partoprenis.

Estas ĉiam la same riĉa travivaĵo partopreni en diservo en Esperanto. Tio devas esti la spirito de la unua pentekosto, kiam 3000 homoj el diversaj naciecoj kaj parolante multajn diferencajn lingvojn kunvenis, subite ili komencis paroli la saman lingvon — stranga miraklo! Tion oni ne povas kompreni.

Sed la enhavon de la prediko de pastoro Ciccanti, ĉiuj povis kompreni, ĝi temis pri la sama kiel dum la unua pentekosto, nome pri amo, — tre aktuala temo en mondo plena je konfuzo, dubo kaj malamo. Sendube ni ĉiuj bezonas amon, — amo inter ni ĉiuj, kaj al nia ĉiutaga laboro, cetere en miloj da situacioj dum la tuta vivo, kie ajn ni estas en la mondo.

Post la diservo okazis la solena kongresinaŭguro.

De galerio ludis fervojista blovorĥestro «La Himno», antaŭ ol Gvozden Sredic de la pupitro esprimis la bonvenigajn vortojn.

Fari detalan referaton, eĉ nur mencii ĉiujn paroladojn dum la kongresinaŭguro, estas tro vasta. Tamen menciinde estas la amuza paŭzo, kiam knaboj kun akordionon kaj kontrabaso tiom bone kaj lerte ludis, ke certe multaj krom mi mem emis danci!

Eksterporde okazis la komuna fotografado.

En restoracio sur monto Pohorje, en idilia arbar-regiono, akceptis la urbestro la IFEF-estraron kaj landajn reprezentantojn.

Jam eksterporde, sur la ŝtuparo, alvenis servistoj kun bongusta aperitifo: «Vinjak». — Post du glasoj oni sentis sin riĉa, bela, ĉarma, forta, kuraĝa kaj denove juna.

Sekve la atmosfero apud la festa tablo estis ege vigla.

La urbestro parolis en ĉarma maniero, kaj la IFEF-prezidanto transdonis al li kiel donaco lokomotivbildon.

Reen al la urbo ni veturis per funikularo.

Sekvis nun turistaj filmoj kaj arta vespero.

Menciinde estas la grandioza akordionorhestro, kiu konsistas el geknaboj en aĝo 6—13 jaroj, — renovigo en la ĉiujaraj prezentadoj de folkloro, kiuj vere dirite nun estas iom lacigaj, - fakte la sama en ĉiu lando.

Dum tiu arta vespero la reprezentanto

por FISAIC alparolis nin en Esperanto, kaj disdonis 3 medalojn al la jenaj merito-plenaj pioniroj sur la fakvortara tereno: A. Blondeaux, G. Ritterspach kaj J. Zupanic. La laborkunsidoj okazis en amiko atmosfero, kaj ili estis bone gvi-dataj.

Dum tiuj kunsidoj estas amuze studi la temperamenton de la debatantoj, — fajroplenaj sudlandanoj, — objektivaj kaj efektivaj germanoj, — kaj trankvilaj, seriozaj skandinavoj, — Eŭropo kolektita en unu ĉambro!

Ĝojige estas, ke multaj gekongresanoj montris intereson por la publika estrara kaj komitata kunsido, kaj alvenis mult-nombre.

Plej rimarkinde dum la kongreso, estas la eldonado de nova fakvortaro.

Ĝin eldonis la jugoslavia IFEF-sekcio, ĝi estas en la lingvoj Serbokroata-Esperanto, Esperanto-Serbokroata.

Tiu eldonado estas la 4-a en la vico de tiaj fakvortaroj.

Sed la sendube plej bone vizitata aranĝo estis la balo.

Okazis belega prezentado de pardancoj, — vere belega kaj neforgesebla! Mal-longe dirite, tre bonsukcesa kaj amuza vespero.

Okazis duontaga ekskurso al Ptuj. Per trajno ni travojaĝis la kamparon. En la stacidomo de Ptuj, la urbestro salutis kaj alporilis nin, kaj ĉarma knabineto donis al la IFEF-prezidanto belan florbukedon, kun la vortoj: «Mi tre kore salutas vin».

Nun ni promenis al muzeo kun inter-esa ekspozicio.

La fakprelego temis pri modernigo de la jugoslaviaj fervojoj, akompanata de fakaj filmoj, cetere okazis vizito al fa-briko de fervoja veturilaro.

Tre interesa estis prelego de Laŭten-bach kaj Sekelj pri moderna instrumetodo de Esperanto, parte helpe de instruaj bildbendoj.

Por kontentigi la vinamantoj, estis aranĝita vizito al vinkelo, kie oni ankaŭ rajtis gustumi la enhavon de la bareloj.

La sportamantoj povis rigardi piedpilk-maĉon inter taĉmento de IFEF kaj de la urbo.

Kiel kutime IFEF malgajnis, la rezulto estis 8—1 en malfavoro de IFEF.

Ĉarma estis la teatra vespero, kiam prezentiĝis la komika opero «Gorenjski slavcek» de Anton Foerster.

Estas ne eble priskribi la belan muzi-kon, la viglan ludon de granda nombro da geaktoroj en kolor-riĉaj kostumoj.

Vendrede la 21-an de majo, okazis tuttaga ekskurso per trajno al Postojna, kie ni vizitis la mirindajn stalagmit-grotojn.

En tiuj tuneloj, faritaj de la naturo mem dum milionoj da jaroj, vekiĝis la fantazio.

Kelkloke oni venis al profundaj abis-moj, de kie oni povus atendi ke monstro venu por kapti nin, — dum aliloke estis kiel en ĉarma kaj belega fabelmondo.

En tia groto verŝajne verkistoj kiel Dante ricevis ideon al sia Inferno, — Henrik Ibsen al la sceno en sia dramo Peer Gynt, «— en la halo de Dovre-patro». Kredeble ankaŭ la komponisto Edvard Grieg ricevis inspiron al la akom-pananta muziko al la menciita dramo, en tia groto.

Post la vizito en la groto, okazis adiaŭa tagmanĝo en restoracio, kie la prezidanto de IFEF deklaris la 23-an kongreson fermita.

Kelkaj nun daŭrigis al Opatija, al postkongreso, dum la plimulto vojaĝis ĉiu al sia hejmo.

Venontjare la «IFEF-trajno» haltos en Lugano en Svisio, dum ĝi post du jaroj faros sian halton en Århus en Danio.

Ĝis revido al ĉiuj dum ambaŭ oka-zintaĵoj!

*Per Johan Krogstie.*



KARA LEGANTO: UNUE, — KION *VI* FARIS POR INSTIGI LA FERVOJON EN VIA HEJMLANDO UZI ESPERANTON EN SIA REKLAM-SERVO? DUE, — ĈU *VI* PETIS DE TIUJ FERVOJOJ KIUJ JAM ELDONIS REKLAMBROŜUROJN, FILMOJN K.T.P. KE ILI SENDU AL *VI* TION MATERIALON?



# EL LA FERVOJISTA MONDO

## Jubileo de FERN

Antaŭ 25 jaroj, la 14an de novembro 1946, FERN fondiĝis, laŭ instigo de la amsterdamaj kolegoj Biesheuvel, Hoen, Lok, Stapel kaj Wissink. Aliĝis 93 anoj.

La kolegoj Biesheŭvel kaj Lok ankoraŭ estas anoj de nia rondo, la aliaj tri bedaŭrinde jam mortis.

La unua FERN-estraro estis la kolegoj: C. A. Broekman, prezidanto, G. G. van Veldhuizen, sekretario, J. A. Vermaak, kasisto, H. Becker, redaktoro, J. J. Labordus, propagandisto.

Pro grava malsano kgo Labordus jam en 1947 forlasis la estraron, sed revenis post la resaniĝo en 1949 kiel prezidanto. Tiun funkcion li ĝis nun ankoraŭ plenumas.

Kgo Becker pro translokiĝo en 1952 forlasis la estraron, sed revenis en 1958 kiel 2a prezidanto. Tiun funkcion li ankoraŭ havas.

Ni nun faras salton pro priparoli la nunan estraron kun la aldono de kiam ili jam estas en la estraro: prezidanto: J. J. Labordus 1946—1947 kaj de 1949, sekretario: W. L. van Leeuwen de 1951, kasisto: C. van 't Hoog de 1958, 2a prezidanto: H. Becker 1946—1951 kaj de 1958,, 2a sekretario: J. Hardeveld de 1965, 2a kasisto: J. Poptie 1955—1957 kaj de 1967, asesoro: B. Posthumus de 1958. Memorinde estas, ke de la unua estraro kgo Van Veldhuizen ĝis 1962 kaj kgo Vermaak ĝis 1965 restis estraranoj.

Nia unua gazeto aperis en decembro 1946 kaj en aŭgusto 1971 ĝi estos aperinta 275 fojojn.

En ĉi tiuj 25 jaroj aperis granda kvanto da flugfolioj, afiŝoj kaj gazetartikoloj por informi le fervoja dungitaro pri Esperanto.

De 1952 ni jam havas nian propran Esperanto FERN-insignon, kiun ni ankaŭ dum la deĵoro rajtas porti.

En 1953 kaj 1966 ni kun granda sukceso aranĝis la 5an kaj 18an IFEF-kongresojn. Ambaŭ kongresoj estas ankaŭ el financa vidpunkto sukcesaj, ĉar post 1966 ne plu estis kongresoj de IFEF kun mona surpluso. Vidu la ĉiujare revenintan saman sumon sur la IFEF-bilanco.

Pluraj el niaj anoj ricevis de nia reĝino ordenon. Tri el niaj anoj ricevis medalon de FISAIC pro la grava internacia laboro por Esperanto.

Ni ne forgesu memori la gravan laboron por la ferio-semajnoj, la lastokazinta kun 80 partoprenantoj.

Dum pluraj jaroj nia Rondo kunlaboris en la t. n. BSO-tagoj per Esperanto-ekspozicioj, flugfolioj kaj paroladoj. En la BSO-tagoj la fervojistaj unuiĝoj el la tuta lando montris sian laboron. Ni nur povas bedaŭri, ke ĝi ne plu okazas.

En 1964 kgo Van 't Hoog transdonis al la Utrechta Esperanto-Komitato 1000 guldenojn por la Utrechta Esperanto-monumento. La mono estis gajnita pro la vendado de 2400 glasoj kun Esperanto-teksto.

Ankaŭ je terminara tereno ni diligente kunlaboras. Jam en 1951 ni havis nian nederlandan terminaran komitaton sub gvidado de kgo G. Bouwkamp. Kgo Labordus transprenis la gvidadon en 1955 ĝis 1967. En la periodo 1959—1961 ni eldonis kiel aldonon al nia gazeto listojn kun pli ol 2000 terminoj.

Post 1967 kgo J. Hardeveld gvidas la terminan laboron. En 1971 aperos la terminareton kun la 2000 terminoj el la Ritterspach-terminaro.

Menciinde estas ankaŭ la landajn ekskursojn, kiujn en 1969 kaj 1970 organizis nia kgo Hardeveld.

Bonan laboron faris ankaŭ kgo Van Leeuwen per la aranĝado de la vojaĝoj al la IFEF-kongresoj kaj la tre detalajn priskribojn de la vojaĝoj mem antaŭ la kongresoj. La unuajn vojaĝojn gvidis nia kgo Bouwkamp.

Multe pli ni povus rakonti al vi pri tio, kio okazis en ĉi tiuj 25 jaroj.

El la 93 anoj de 1946 restis fidelaj al FERN 35.

Pro tio, kio okazis ni opinias, ke ni rajtas feste memorigi nian jubileon kaj tio ankaŭ okazos la 25an kaj 26an de aŭgusto 1971 en Utrecht.

La unuan tagon, do ĵaŭdon ni jarkunvenos. Antaŭ la kunveno ni donos la okazon por gratuli FERN. Ni invitos gravajn personojn de la fervoja kaj urba instancoj, sindikatoj, fervojistaj kaj esperantistaj organizoj.

La duan tagon okazos la tradicia tuttaga ekskurso tra bela parto de Nederlando. La kostoj de la ekskurso inkluzive lunĉon kaj varman tagmanĝon estas po Fl. 17,50.

La nomoj de la festkomitatanoj, la kgoj De Jong, Vermaak kaj Poptie garantias bone organizitan feston.

*Vi estas bonvenaj.*

la estraro de FERN.

---

*De p. 38*

## Ekstrakto el la ....

4. En la Universala Kongreso London somero 1971 denove estos planita *kontaktkunveno* de la fervojistoj kun faka prelego.
5. *Statutproblemoj* vidu sub «plenkunsido» 5.5.
6. *Libera diskutado*
   - 6.1 Raporto de s-ro Sekelj pri la agado de la Instituto por Oficialigo de Esperanto (IOE). Estas rekomendinde kunlabori kun ĝi sur landa kaj loka niveloj.
   - 6.2 La vicprezidanto de IFEF, Gvozden Sredić, anoncas, ke li ne estos reelektebla en la 24-a kongreso. Oni sufiĉe frue pripensu kandidatproponojn.

*B. Plenkunsido ĵaŭdon*

La *prezidanto enkondukas* per kelkaj vortoj li substrekas la neceson de faka laboro kaj dankas al la kunlaborantoj de la komisionoj, mencias, ke la statuto necesas por garantii laŭregulan laboron de ĉiuj organoj, instigas intensigi la informadon al ĉiuj rilatoj kaj la porjunularan agadon.

Post honorigo de la *mortintoj* pritrakto de la tagordo:

1. Ĉeestas 24 komitatanoj kiel en la lunda kunsido

2. La sekretariino laŭtlegas salutleterojn kaj telegramojn
3. La *kongresraporto* pri *Rimini* unuanime akceptita
4. Estraraj *jarraportoj* unuanime akceptitaj. Kaso en ordo.
5. *Raportoj* de la komisionoj kaj komisiitoj:

   5.1 kaj 5.2 pri *Terminara kaj Fakprelega Komisionoj* vidu apartajn raportojn en IF

   5.3 Mevel raportas pri kunsido de la *junulara sekcio* kaj starigitan laborplanon

   5.4 D-ro Bácskai raportas pri *rilato al UEA* kaj pri la Universala Kongreso en Vieno

   5.5 Barnickel informas pri la laboro de la *Statuta Komisiono* kaj pri kunsido de la komisiono kun la komitato en Maribor. Rezulto: 16 paragrafoj estas fintraktitaj. Laŭ nuna plano la resto estos pritraktata ĝis la venonta kongreso kaj tie voĉdonita. Proponoj ankoraŭ eblas ĝis fino de aŭgusto 1971.

Post paŭzo la jugoslava kolego *Ludoviko Prebil*, kiu jam en 1929 aktivis en la tiama internacia estraro kaj nun denove laboras en LKK, estas honorigita per donacaĵo flanke de la federacio.

6. *Kongresproponoj*

   *1a propono* malakceptita en la farita formo, sed rekomendo al landaj asocioj, kiuj bezonas kongresmaterialon, peti ĝin rekte ĉe LKK Voĉdono: 23 por la rekomendita formo, 1 sindeteno

   *2a propono* malakceptita, sed principe rekomendita poŝformato 21 por la rekomendita formo, 2 sindetenas, 1 ne ĉeestas

   *3a propono* malakceptita, 6 por, 8 kontraŭ, 9 sindetenas

   *4a propono* ni instruas Esperanton, nur poste eblas konatiĝi novajn adeptojn ankaŭ kun la specialaj fervojaj terminoj malakceptita, 20 kontraŭ, 4 sindetenas

   *5a propono* malakceptita, 23 kontraŭ, 1 sindetenas

   *6a propono* tre tikla problemo, kiu oficiale ne estas traktebla, malakceptita en la farita formo, sed IFEF entreprenos ion, 15 kontraŭ, 9 sindetenas

   *7a propono* UEA eldonis tian liston. Ne necesas aparta malakceptita, 22 kontraŭ, 2 sindetenas

   *8a propono* La plenumo de tiu propono bezonos unue detalajn esplorojn. Kaze de realigo Nawrowski estos petata transpreni la gvidadon. Propono hodiaŭ malakceptita, 19 kontraŭ, 5 sindetenas

   *9a propono* 24 kontraŭ, malakceptita

   *10a propono* Oni ne antaŭe fiksu sloganojn, sed adaptu ilin al la cirkonstancoj. 23 kontraŭ, 1 sindetenas = malakceptita

7. *Nova IFEF-statuto*

   La komitato akceptas la paragrafojn 1—16 de la nova statuto en la pridiskutita formo per 23 voĉoj por, 1 kontraŭ. Krome ĝi akceptos la estontan proceduron laŭ 5.5 per 22 voĉoj por, 2 sindetenoj.

8. La *budĝetoj* 1971 kaj 1972 estas unuanime akceptitaj.
9. Kiel novaj *revizoroj* estas unuanime akceptitaj la svisaj kolegoj Noll, Glättli kaj Rohner, kiel vicrevizoro Hunkeler.

10. *Kongreslokoj*

    La Ĉeĥoslovaka landa asocio, kiu en Rimini provizore estis invitinta la 24an kongreson al Prago, devis retiri sian inviton, ĉar ne venis oficiala permeso. Anstataŭ tio invitas

Svisio por la 6a ĝis 12a de majo 1972 al Lugano. La 25a kongreso okazos la 12an ĝis 18an de majo 1973 en Aarhus (Danio).

11. *Libera diskutado*
*Krogstie* (Norv.) plendas, ke la esperantistoj ne eluzas la belajn prospektojn de la norvegaj fervojoj. Simila validas por aliaj fervojoj (aparta alvoko ankoraŭ sekvos en IF).
*Schindler* (Germ.) sugestas aranĝkalendaron en IF pri ĉiuj aranĝoj en Esperantujo. Sed fakte mankas mono kaj spaco en tia faka organo, krome la redakcio ne sufiĉe frue ekscias pri planitaj aranĝoj.
*Kruse* (Germ.) raportas pri planita disko, sur kiu la konata kantisto Udo Jürgens kantos du ŝlagrojn, tradukitajn de la prezidanto J. Giessner (titoloj «Ne trovas vorton mi» kaj «Mi kredas»). Mendoj petitaj ĉe Ludwig Pickel, D 85 Nürnberg 2, Postfach 2113, ekde 10 ekz. rabato, prezo 5 GM.

*Kr.*

# Muzeaj fervojoj




Bildkliŝo: ÖSIJ, Märsta, Svedio.

*En Britio, en Kimrio, estas etŝpura fervojo; Talyllyn Railway (T.R.) konstruita en 1866, kies ŝpuro estas 686 mm. La iama tasko de tiu fervojo, estis transportado de ardezo, krome ĝi ankaŭ transportis pasaĝerojn, kaj por tiu celo T.R. posedis 4 pasaĝervagonojn. Kiam la trafiko en 1955 ĉesiĝis, la fervojo transpreniĝis de grupo da fervoj-entuziasmuloj, kiuj organizas muze-trafikon laŭ la trakoj. La bildo montras la lokomotivon DOUGLAS, en Torvyn Wharf. Tiu maŝino konstruiĝis en 1918 de Andrew Barday, Sons & Co.*




## FERVOJNOVAĴOJ

# LA FERVOJO EN SERVO DE REKLAMO



Bildkliŝo: DB-Pressedienst.

Dum 4 semajnoj veturadis specialtrajno «Electrola-Express-International» tra la Federacia Respubliko Germanio. La trajno survoje haltis en 16 grandaj urboj, kie la organizintoj de la rondvojaĝo faris propagandon per gramofondiskoj.

En Köln, lasta stacio de tiu vojaĝo, oni organizis gazetarkonferencon, en kiu i.a. partoprenis la mondkonata «Golden-Gate-Kvarteto» kun siaj 4 nigraj «steloj». La anoj de la kvarteto havigis al si en la ĉefstacio de Köln ruĝajn deĵorkaskedojn de la fervojo kaj veturigis sin per motordrezino laŭlonge de la kajoj. Ili sidis ĉirkaŭ bierbarelo staranta sur malnova kablotamburo kaj provizis la rigardantojn per biero. Tio evidente estis eĉ pli gajiga ol kantado.

Ekstrakte el
«DB-Pressedienst» 42/70
de *J. Giessner.*

## Recenzoj

POŜATLASO DE LA MONDO
EN ESPERANTO

80 mapoj, fizikaj kaj politikaj, eĉ dek-koloraj. Politikaj, administraj kaj ekonomiaj informoj. Pli ol 12 000 geografiaj nomoj. Internaciaj organizoj, monoj kaj flagoj. La atlaso oni mendu ĉe Entrepreno de eksterlanda komerco ARTIVA, Ve Smeckách 30, Praha 1, aŭ rekte de la eldonejo: Kartografie, Narodni Podnik, Praha 7-Holesovice, Ulice F. Krizka C.1.

---

Reaperis
«PAŜOJ AL PLENA POSEDO»

Perfektiga antologia lernolibro de W. Auld 30 antologiaj literaturaj legaĵoj, vortara difino de 1682 novaj vortoj, 176 ekzercoj. 238 paĝoj. 2.— US $.

La unua eldono de la lernolibro de W. Auld por progresantoj renkontis tian sukceson, ke ĝi elĉerpiĝis en malpli ol unu jaro.

La dua reviziita eldono aperis fine de 1970 en Praha, en 5200 ekzempleroj, kiel komuna eldono de «Heroldo de Esperanto kaj Ĉeĥa Esperanto-Asocio.

La lecionoj baziĝos sur analizo de originala aŭ traduka literatura legaĵo verkita aŭ tradukita de fama Esperanto-aŭtoro (de Dinwoodie kaj Privat ĝis Pumpr, Rossetti, Kalocsay kaj Zamenhof).

La tradukaĵoj reprezentas dek-unu literaturojn, inkluzive de la ĉina skota kaj aramea. En la fino de la volumo troviĝas listo de 88 konsilitaj libroj kaj adresaro de Esperanto-Asocioj en 63 landoj.

«Heroldo de Esperanto» havas la solvendorajton por la tuta mondo, escepte de la socialismaj landoj.

Por mendoj el la socialismaj landoj oni sin turnu al ĈEA (Blanicka 4, Kralovské Vinohrady, Praha 2).

## Diversaĵoj

Pro ŝanĝo de adreso kaj diversaj eventualaj venontaj adresŝanĝoj, se vi ne ricevis respondon de RATP (laŭ la anonco de kolego Michel Robert en «Internacia Fervojisto» n-ro 6 - 1970, paĝo 96) b.v. sendi kopion de via letero, au sciigi pri la ne-respondo al s.ro Krogstie, red. de la revuo.

La redaktoro plusendos. Dankon!

*

*Rautatieläisten raittiusliitto (RRL)*
*Fervojista Abstineca Asocio en Finnlando*
organizos por fervojistoj sub 35-jaraj (aŭ escepte egale junecaj) kaj iliaj familianoj
*internacian junularan semajnon*
(lingvoj: finna, sveda kaj Esperanto) en Pyhätunturi, Finna Laponio (norde de urbo Rovaniemi) *7.—12.8.1971*. La aliĝkotizo kun plena pensiono (grupenloĝigo) estos nur Mk 80,—, kion oni pagos en la komenco de la semajno. — Detalajn informojn oni petu ĉe adreso: *Rautatieläisten raittiusliitto, Rautatien posti, SF-00100 Helsinki 10.—*.

Anonclimtempo *ĝis 9.7.1971.*

Kun koraj salutoj via
*Matti Voltti.*

*

56-a UNIVERSALA KONGRESO
DE ESPERANTO

31.7.—7.8.1971. Londono, Britio.

Konstanta adreso: Universala Kongreso de Esperanto, Nieuwe Binnenweg 176, Rotterdam-3002. Nederlando.

Poŝtĉekkonto de la Kongreso: No. 627337 aŭ Banko de la Kongreso: Amsterdam-Rotterdam Bank, Rotterdam, No. 42.69.01.444.

---

La redaktfino por la venonta IF estas 25.7.1971.

Presita ĉe presejo A. Sæther A.s
N-2300 Hamar, Norvegio